2-3/97

Internacia Ĵurnalisto

almanako de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# TEĴA nur paper- tigro?

Modesta estas tiu ĉi unua almanako de TEĴA, ne nur pro amplekso sed ankaŭ pro enhavo. Preskaŭ ĉiujn artikolojn verkis la redaktoro, ĉar escepte de Yamsaki kaj Golden neniu sendis manuskriptojn. Certe, per la decidoj de Prago pri rigora ŝparado ni sukcesis resanigi la kason de la asocio, sed daŭre restas la problemo de tre malmultaj membroj. Ĉu do ankaŭ TEĴA, kiel aliaj fakasocioj, estas nur papera tigro en Esperantujo?

Aliflanke, kiel vi povas legi en tiu ĉi numero, ni bone servas al la movado per nia sukcesa trejnkurso kaj seminarioj. Espereble ni povos daŭrigi almenaŭ tiun aktivadon.

Nenion novan ni povas raporti al vi pri la planata granda terminaro, neniujn informojn ni havas pri eventualaj agadoj de landaj sekcioj: ili mutas, escepte de la japana.

Sed komenciĝis intertempe preparoj por 3a eldono de *Manlibro pri Ĵurnalismo.* La redaktoro estus danka, se pri ĝi vi havus sugestojn, kritikojn kaj proponojn. Necesos funde prilabori kaj aktualigi la manlibron precipe en la teknikaj partoj, ĉar ĵurnalistiko multe evoluis sur tiu kampo.

# Viglaj diskutoj en Adelajdo

**Dum la Universala Kongreso en Adelajdo, Aŭstralio, lundon, la 21an de julio 97, okazis kunveno de TEĴA, kiun ĉeestis 10 personoj, el kiuj 6 estis membroj de TEĴA.**

Ĉar nur unu el la estraro – la sekretario – partoprenis tiun ĉi UK, la kunveno ne povis esti oficiala, tiel neniu rezolucio eblis; sed tiuj, kiuj kolektiĝis, vigle diskutis pri diversaj temoj. Nemembroj esprimis intereson pri la asocio. Al ili la sekretario promesis sendi la broŝuron de TEĴA kun aliĝilo.

Oni kontentis pri la raporto de la

## Historia foto de TEĴA-kunveno:

# Kiu konas kiun?

Mi ricevis ĉi tiun foton antaŭ multaj jaroj, kaj nun tute forgesis de kie. Kion ĝi montras? Ĝi estas oficiala foto de kunveno de ĵurnalistoj en iu Universala Kongreso, eble en Bern (1947), en Bournemouth, Harrogate aŭ Londono. La certeco estas limigita per la fakto, ke mi staras tie, kaj mi ĉeestis nur tiujn kongresojn. Mi konas nur du inter la ĉeestintoj: Baghy kaj min mem (dekstre). Krome, mi estis ĵurnalisto nur dum la Harrogata (1961) kaj la Londona (1971). Kiuj estas la aliaj? Kio okazis al ili? Ĉu vi konas aliajn? Kiam oni faris la foton? Kaj kie? Kiu faris la foton? Ĉu vi mem troviĝas inter ni? Kiu povas respondi?

Will GREEN
(adreso: 202 Dunkery Road, London SE9 4HP, Britio



*Ne fotita dum la ĵus okazinta UK en Adelajdo 1997, sed iam en antaŭa kongreso – sed en kiu? Kiu povas helpi por eltrovi tion kaj indiki, kiuj personoj troviĝas sur ĝi?*

KOLOFONO
*Internacia Ĵurnalisto*
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio
Redaktofino de tiu ĉi numero: 1 sep 97
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Estraro de TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso 100103.3317@compuserve.com
Ĝenerala sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio; retadreso (syama@dokkyo.ac.jp)
Estraranoj: Aleksander KORĴENKOV; Paul PEERAERTS.
Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN
Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando
Membrokotizo: 20,00 germanaj markoj aŭ 13,50 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

sekretario pri la rebonigo de la financa sano de la asocio, post la rezolucio pri aŭsteraj ŝparrimedoj. La ĉeestantoj tamen estis nekontentaj pri la manko de intereso ĉe la membroj pri ekstereŭropa UK.

Aldoninde al la jarraporto en la antaŭa IĴ-cirkulero estas, ke pro la klopodo de Roland Rotsaert ni havas sufiĉe da informo pri la Internacia Federacio de Ĵurnalistoj, kiu estas principe sindikata organizo kaj nur por profesiaj ĵurnalistoj. Mi ankoraŭ ne esploris eblecon kunlabori kun ĝi iel, kiel ekz. en konsultaj rilatoj, kiel UEA estas kun Unesko, aŭ en operaciaj rilatoj laŭ la plej nova informo en Ade- lajdo, de temp' al tempo interŝanĝante informojn. Mi an- koraŭ ne scias ĉu tio eblas. Restas interalie problemo ke ni devus traduki informdokumentojn, por ne paroli pri la statuto, IĴ ktp. Ĉu ni uzu la anglan aŭ francan en nia oficiala komunikado?

En la Adelajda kunsido oni diskutis pri la kuriero kaj la gazetara servo. Sin trovis nur unu profesiulo, nome Ertl (Pettyn forestis). Ĉiuj parolis ke la gazetara konferenco ne sukcesis malgraŭ multa antaŭpreparo: neniu, aŭ nur unu neesperantista ĵurnalisto ĉeestis, sed tamen aperis substancaj eĥoj en gazetaro, ses radio– kaj tv–programeroj (kanaloj 10 kaj 9), kaj intervjuo de UEA-prezidanto Lee Chong-Yeong fare de inform–agentejo Reuter. Kio signifas ke lokaj ĵurnalistoj elflaris novaĵojn per sia profesia nazo el la pendantaj standardoj verdaj sur la fostoj laŭ la stratoj, afiŝoj kaj aliaj, ignorante la konferencon.

La kuriero estas interna afero, kun malgranda cirkulado, kaj averaĝaj legantoj indiferentas pri la ĵurnalisma profesieco: multaj laŭdas ĝin. Ili ne bezonas helpon de TEĴA, kaj ni kun nur du profesiuloj, Ertl kaj Pettyn, kiuj estas siavice tre okupitaj, povus nenion fari.

YAMASAKI Seikô

## Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

**Oka sukcesinto de la trejnkurso**

**Fernand Boyet** (Francio) akiris 85 % kaj do kun honoro sukcese trapasis la trejnkurson de TEĴA, la oka kandidato kiu ricevis diplomon. Atendas pliaj homoj, kiuj volas komenci la kurson. La nova regulo, ke interesatoj unue sendu prov-eseon antaŭ ol komenci la kurson, ŝajnas sukcesa. Tiel mi scias, kiu vere interesiĝas pri la kurso kaj – pli grave – kiu kapablas profiti de ĝi.

Paul GUBBINS

**Varbu novajn membrojn por TEĴA!**

**Vizitu hejmpaĝon kun rubriko pri TEĴA!**

**Eble interesos vin iam kontroli mian hejm-paĝon. Mi enretigis paĝojn i. a. pri TEĴA, Monato kaj Barlaston.**

**Jen la adreso:**
**http://ourworld.compuserve,com/homepages/PGubbins**

# Fervoraj kursanoj

## Spertoj pri ĵurnalistika trejnado en du seminarioj

**Dum kultura semajnfino de Sarlanda Esperanto-Ligo en Homburg (Germanio) Stefan Maul gvidis seminarion „Ĵurnalistiko – praktikaj ekzercoj". Krome en la Somerlernejo de Barlastono (Anglio) en du grupoj kursanoj sub gvido de Maul havis taskojn verki artikolojn. Jen liaj spertoj.**

La kurso en Homburgo havis du partojn; en la unua oni ekzercis verki raporton, la dua tasko de kursanoj estis organizi gazetaran konferencon.

Verkado de artikolo baziĝis sur la sama teksto, kiun Paul Gubbins ellaboris por la TEĴA-seminario dum la UK en Prago 1996. Kontraste al Prago tamen en Homburgo oni havis multe pli da tempo (entute ses horojn) por malpli multaj kursanoj, ĉirkaŭ 20. Do eblis pli trankvile kaj funde trakti la aferon, kaj la docento povis sin pli bone dediĉi al individuaj kursanoj, el kiuj vere ĉiu, kiu deziris, povis partopreni diskutadon.

### Kiel kaŝi skandalon?

Kompreneble ĉiuj multe amuziĝis pri la teksto de Gubbins, kiu prezentas plej diversajn faktojn pri „skandala" kunveno de l' Ajnurba E-Klubo. Tasko estis, elekti el inter tiuj faktoj la plej gravajn, ordigi la materialon kaj verki koncizan raporton kun titolo kaj enkonduko. Rezultoj estis tre variaj, ne nur pro tio ke kursanoj venis el pluraj landoj kaj diversaj profesioj, sed ankaŭ pro la fakto, ke iuj volis kaŝi la veron („skandalon") sed aliaj elstarigi, ja eĉ en raporto komenti ĝin.

La docento devis multe peni por klarigi la diferencon inter „objektiva" raporto kaj komentario. Montriĝis, ke unu kursano, kiu insistis pri komentaj elementoj estis – kiel supozis S. Maul – konstanta leganto de *Der Spiegel*, la germana inform-magazino. Efektive lia raporto estis verkita laŭ la stilo de l' magazino, kiu intence kaj konscie miksas faktojn kun komentoj, veron kun supozoj, kaj ofte prezentas temojn malice. Gravan rolon en la diskutoj tamen ludis ankaŭ kutimoj de diverslandaj gazetaroj kaj ties diferencaj stiloj. La docento miris pri l' granda fervoro de la kursanoj, kiuj nepre volis daŭrigi la diskutadon la postan tagon, kiu devus esti dediĉita al gazetara konferenco.

### Ne sufiĉe stultaj

Por tiu dua tasko la partoprenantoj kurskomence ricevis koncernan tekston el *Manlibro pri Ĵurnalismo*. Ili devis enhave kaj teknike prepari gazetaran konferencon, do ekzemple ankaŭ verki inviton. Poste oni realigis la konferencon en rol-ludo. En tio precipe brilis Simono Pejno, kiu ludis la rolon de Nobel-premiito profesoro Reinhard Selten. Tasko de l' plimulto de kursanoj estis ludi la rolon de invititaj (neesperantistaj, kompreneble) ĵurnalistoj kaj poste verki raporton pri la gazetara konferenco (por kio tamen mankis la tempo, kiun oni antaŭe foruzis por la unua parto). La docento, kiu kaj dum la ludo intervenis kaj poste kritike analizis la plenumon de l' diversaj taskoj, devis konstati ke estis tre malfacile por la „ĵurnalistoj" starigi tiajn demandojn, kiajn kutime eldiras la aŭtentaj gekolegoj. „Vi devas demandi pli stulte!" – tiel li plurfoje admonis, sed vane. Montriĝis, ke estas malfacile por homoj, kiuj scias ĉion pri Esperanto (kaj ne malamas ĝin), ludi la rolon de nescianta ĵurnalisto. Konklude oni proponis, alian fojon eble anstataŭ pri Esperanto paroli pri Volapuko...

### Volapuka spiono en E-klubo

Ĉu Gubbins flaris tion? Por la kursanoj en Barlastono li ellaboris novan materialon pri alia „skandalo" en la Ajnurba klubo, kaj la grupo de progresintoj havis la taskon, kiel kluba gazetar-oficisto kiu estas kaŝita volapukisto (!) verki unu artikolon por la nacia E-gzaeto kaj duan por la volapuka revuo. Kaj jen: estis tre malfacile por ĉiuj, verki taŭgan raporton por la esperantistoj, sed same ĉiuj brile sukcesis en la dua tasko, kalumniante Esperanton...

En Barlastono Maul krome donis al kursanoj alian ĵurnalistan taskon: ili aŭskultis prelegojn de profesoro Dokto Ruĝnazul kaj devis fari noticojn, por poste verki artikolon pri la prelego. Malfaciligis tiun taskon la fakto, ke la enhavo de Ruĝnazul–prelegoj estas absurdaj kaj strangaj aferoj, kiuj delogas la atenton pro tio, ke oni amuziĝas kaj forgesas pri la noticoj. Spite al tio multaj bone, unu eĉ brile solvis la taskon.

Ĝenerala sperto kaj konkludo estis, ke ĝuste per tiaj praktikaj ekzercoj oni lernas multe, kiel konfirmis partoprenintoj – kaj krome oni ankaŭ bone amuziĝas. La docento estis tre kontenta pri la serioza kaj fervora kunlaboro kaj forte rekomendas, aranĝi tiajn seminariojn laŭeble ofte.

sm

***

P. Gubbins intencas denove okazigi seminarion de praktikaj ekzercoj dum la Universala Kongreso en Montpeliero, Francio, en 1998.

# Liberalismo kiel insultvorto

## Usonaj ĵurnalistoj kritikataj

**Laŭ raporto de l' korespondantino de svisa *Neue Zürcher Zeitung* (Nova Zurika Gazeto, NZZ), en Usono lastatempe multiĝis atakoj kontraŭ tiel nomataj „liberalaj" amaskomunikiloj kaj ĵurnalistoj; tamen la epiteto „liberala" ne estas uzata en difina aŭ karakteriza maniero, sed kiel insulta vorto de konservativaj rondoj.**

Ekzemple Newt Gingrich, ekstremdekstra politikisto de l' Respublikana Partio, polemikis kontraŭ la „liberala, elitisma klaso" en la komunikiloj, kiu per sia „nihilisma sinteno" minacas la ekonomian sistemon kaj la moralon kaj endanĝerigas „la gvidan rolon de Usono". Jen tipa kanonado, skribas la NZZ-korespondantino, kiu spegulas intertempe vastiĝintan negativan bildon pri amaskomunikiloj. La nocio „liberala" aplikiĝas por riproĉi ĉion, kio malkongruas kun konservativaj ideoj. Sed tiel oni atribuas al ĵurnalismo, kiu klopodas pri fona kaj analiza informado, influon, kiu neniel kongruas kun la realo.

Dum epoko de l' milito en Vjet-Namo kaj dum la Watergate-skandalo kritikaj ĵurnalistoj ĝuis altan reputacion, sed hodiaŭ ili spertas fortegan perdon de prestiĝo kaj kreskantan malintereson pri serioza informado. Vaste oni riproĉas al usonaj ĵurnalistoj per „negativismo" kaj „liberalaj antaŭjuĝoj" endanĝerigi la demokration. Pli ol 70 elcentoj de l' usonaj civitanoj, laŭ enketo de 1996, opinias ke ĵurnalistoj „baras solvojn de sociaj problemoj".

La establitaj inform-komunikiloj, raportas NZZ, perdas signifon: nur malpli ol duono de la loĝantaro ankoraŭ legas ĵurnalon kompare al 73 elcentoj fine de l' sesdekaj jaroj. Por ĉ. 40 elcentoj de legantoj preferata ĵurnalo kaj informfonto estas *USA Today*, kiu elstarigas buntajn kaj sensaciajn temojn. Kaj kvankam en radio kaj televido oni tendencas pli kaj pli al „infodistro", laŭ la esploroj informelsendoj konstante perdas intereson.

Kurioze, tamen, oni scias ke en Usono nuntempe ĉ. 20 konservativemaj kompanioj posedas aŭ kontrolas la plej multajn ĵurnalojn, radio- kaj televid-staciojn, libro-eldonejojn kaj filmstudiojn. Ekzemple en radiofonio plej grandan influon nun havas konservativega Rush Limbaugh; tele-evangeliisto Pat Robertson kontrolas per sia kompanio CBN 15 procentojn de ĉiuj televidstacioj kaj 10 procentojn de ĉiuj radiostacioj en Usono. Ankaŭ la sukcesoj de Paul Weyrich, kiu tutdiurne ofertas siajn konservativajn komentariojn en 50 federaciaj ŝtatoj, montras ke la onidire minacata specio de konservativuloj konstruis imponajn imperiojn.

Vere liberalaj kaj alternativaj komunikiloj laŭ priskribo de NZZ malfacile trovas grandan publikon kaj ne sukcesas spiti la grandajn komunikil-konglomeraĵojn, kiel laste oni konstatis dum faka kongreso. La influo de televido, plendis kongresanoj, ĝenerale kondukas al klopodoj, prezenti ĉiun eventon kiel „spektaklon" (show).

Pro tiu ĉi tendenco intertempe eĉ seriozaj ĵurnaloj kiel *New York Times* donas pli da spaco al skandalaj temoj ol por vera informado kaj politika analizo.

# Atakataj, arestataj, murditaj

## Ĵurnalistoj suferas en multaj landoj – libereco mankas

En *Internacia Ĵurnalisto* 3/92 p. 4 ni aperigis malneton de „Ĉarto por libera ĵurnalismo", ellaboritan de pluraj internaciaj organizaĵoj de ĵurnalistoj kaj eldonistoj. Tiun ĉarton intertempe aprobis OSKE (Organizaĵo por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo) kaj adoptis Unesko.

Unesko siavice mem aktivas ĉiujare okaze de la 3a de majo, „Monda Tago de Ĵurnalisma Libereco", surbaze de la nomita ĉarto; ĉi-jare oni aparte atentigis pri atakoj kontraŭ ĵurnalistoj, pri enkarcergitaj kaj murditaj gekolegoj. La bilanco, kiun oni prezentis tiuokaze, estas teruriga: Je tiu tago sidis en karcero minimume 180 ĵurnalistoj en 22 landoj. En 1996 oni registris ĉ. 1800 atakojn en 160 landoj, 120 landoj praktikas cenzuron aŭ aliajn formojn de subpremo. Dum la pasintaj dek jaroj pli ol 500 ĵurnalistoj dum praktikado de sia profesio estis mortigitaj.




*Minimume 500 ĵurnalistoj mortis laborante profesie, de la jaro 1986 ĝis 1996. (Grafiko: Unesko/FIEJ/CPJ)*

# Nombro de radio-aŭskultantoj tutmonde

| | riceviloj en milionoj | | | | riceviloj / 1000 loĝantoj | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1970 | 1980 | 1990 | 1994 | 1970 | 1980 | 1990 | 1994 |
| totale tutmonde | 771 | 1307 | 1877 | 2008 | 209 | 294 | 355 | 357 |
| Afriko | 19 | 49 | 108 | 122 | 51 | 104 | 171 | 173 |
| Ameriko | 350 | 566 | 711 | 756 | 687 | 926 | 991 | 991 |
| Azio | 78 | 254 | 568 | 621 | 37 | 96 | 178 | 183 |
| Eŭropo | 314 | 418 | 464 | 481 | 481 | 604 | 643 | 662 |
| Oceanio | 10 | 20 | 26 | 28 | 526 | 871 | 996 | 1007 |
| evolulandoj | 123 | 323 | 724 | 790 | 46 | 97 | 177 | 179 |
| landoj sude de Saharo | 10 | 36 | 77 | 88 | 35 | 92 | 151 | 152 |
| arabaj landoj | 14 | 28 | 55 | 62 | 110 | 166 | 247 | 251 |
| Latinameriko kaj Karibio | 45 | 93 | 153 | 168 | 160 | 261 | 348 | 354 |
| Sudorienta Azio kaj Oceanio | 29 | 117 | 328 | 349 | 25 | 82 | 196 | 197 |
| Sudorienta Azio | 18 | 42 | 102 | 114 | 24 | 45 | 85 | 88 |
| plej subevoluintaj landoj | 7 | 20 | 48 | 55 | 23 | 51 | 95 | 98 |
| industri-landoj | 648 | 984 | 1153 | 1218 | 629 | 881 | 969 | 1009 |

*el Unesko-Kuriero 2/97 „Radiofonio. Komunikilo kun estonteco“*

GERMANIO

## Eraroj de eldonistoj

**Plurfoje en IĴ ni raportis pri klopodoj de germanaj (precipe regionaj) ĵurnaloj, pro efikoj de televido adapti siajn profilojn tiel, ke legantoj retrovas elementojn de tv kaj tial pli ŝatas gazetojn.**

Eldonistoj kaj ĉefredaktoroj atendis de tiaj modifoj pli intensan ligitecon de abonantoj kaj esperis gajni precipe junajn legantojn. Ĵus publikigita freŝa studaĵo montras, ke tio estas kompleta eraro.

„Por ni la plej granda surprizo estis, ke ĝuste junaj homoj legas multe pli orientite je enhavo ol malpli junaj,“ emfazas profesoro Klaus Schönbach [Klaŭs Ŝenbaĥ] de l' amaskomunikila fakultato de altlernejo pri muziko kaj teatro en Hanovro.

Komisiite de federacia ligo de germanaj gazet-eldonistoj kaj aparte de merkatika organizaĵo de regionaj ĵurnaloj, Schönbach esploris, kiel legantoj reagis al novaj enhavoj kaj ŝanĝita desegno. Tiucele oni komparis numerojn de po unu semajno en 1989 kaj 1994; tiun jaron oni devis elekti, ĉar la ĝeneralaj merkatikaj analizoj kutime disponeblas komplete nur du jarojn poste, kaj oni krome volis kaj devis kompari la proprajn eltrovojn kun tiuj de l' konstanta analizado.

Rezulto estas, ke tre multaj ĵurnaloj hodiaŭ estas pli bone strukturataj, pli klaraj kaj havas pli multajn rubrikojn, fotojn kaj grafikaĵojn. Ili enhavas pli multajn lokajn temojn kaj servopaĝojn. Sed Schönbach konstatas: „Kvankam oni multe diskutas pri infodistro, la proporcio de distraĵoj restis la sama.“ Eldonkvantoj kreskis, se gazeto estas pli bone superrigardebla kaj ordigita, se tekstoj efikas malstrikte kaj modere estas ilustrataj per fotoj kaj grafikaĵoj.

**Ne nepre distri**

Sed tute klare legantoj malakceptas amuzajn kaj distrajn elementojn ekster la konvenaj buntaj paĝoj. „Lady Di en politika rubriko efikas malserioze kaj fortimige al legantoj,“ diras Schönbach. Legantoj atendas de ĵurnalo informadon kaj klarigojn; pro tio longaj artikoloj estas tute bonvenaj. „Legantoj diferencigas inter tio, kion ili volas vidi en televido, kaj tio, kion ili atendas de ĵurnalo,“ emfazas Schönbach kaj konkludas, ke ĝuste junaj homoj opinias, ke vidbendklipa aspekto ne konvenas en ĵurnaloj.

sm

TELEVIDO

## Defio de demokratio

72 elcentoj de germanaj gejunuloj laŭ nova enketo ne plu sekvas inform-elsendojn en televido. Tio estas defio de demokratio kaj politika edukado, diris Horst W. Opaschowski [Opaŝovski], estro de BAT-esplorinstituto pri libertempo, kiu realigis la enketon. Precipe necesas novaj ideoj de televid-produktistoj, li emfazis.

Laŭ la sama enketo, tri kvaronoj de tv-spektantoj konstante saltas de unu programo al alia. Tendenco estas, ke ili transiras de seriozaj al pli simplaj programoj, distrado venkas informadon. Produktantoj kaj konsumantoj en sama maniero adoptas perdon de nivelo. —›

Laŭ alia enketo germanoj pli kaj pli perdas ankaŭ emon legadi; oni diras, ke 41 elcentoj estas „librodistancaj“, nur 3 elcentoj legas intense. En internacia komparo legemo de germanoj troviĝas nur meze de la skalo. Kiel precipan kaŭzon oni trovas la konkurencon de televido kaj tial rekomendas akceli legemon de infanoj – simile kiel en Usono. Tie prezidanto Bill Clinton [Klintn] lanĉis programon „Ameriko legas“, per kiu oni volas akceli legokapablon de elementlernejanoj. La germana enketo montris, ke infanoj en aĝo de 8 ĝis 10 jaroj estas entuziasmaj legantoj – se oni donas al ili la eblecon.

# Ĉu estas malmulte da periodaĵoj en Esperantujo?

## Defendo de la „papersvarmo“

**Oni kutime formulas la demandon kun negativa emfazo: ĉu ne estas tro da periodaĵoj en Esperantujo? Ĉu vere estas bezonata tiom da revuoj, gazetoj, bultenoj, novaĵleteroj k. s.? Ĉu jam estas tempo bremsi tiun „papersvarmon“ (kiel karakterizas ĝin Aldo de' Giorgi)?**

Antaŭ kelkaj jaroj la redaktoro de revuo en fora lando bedaŭris, ke unu el miaj artikoloj, kiun li recenzis, „estas kaŝita en preskaŭ nekonita organo“, kaj li aldonis: „Ĝi meritus aperi en ‚Esperanto‘ de UEA.“ Jes ja, estas facile samopinii kun tiu sinjoro, sed la reala situacio de la gazetaro en Esperantujo ne permesas tion. Mi ne dubas, ke troviĝas multaj legindaj verkoj, kiuj restas nekonataj por la plejmulto de esperantistoj, ĉar ili aperas en lokaj publikigaĵoj kun tre limigita (t. e. neinternacia) cirkulado, aŭ en specialigitaj revuoj, kiujn la ordinara esperantisto ne abonas.
Ekzemploj de unu speco estas organoj de landaj asocioj kiel *Litova Stelo* kaj *Brazila Esperantisto*; en dua kategorio troviĝas organoj de religiaj grupoj kiel *Dia Regno* kaj *Espero Katolika*; tria tipo estas periodaĵoj eldonitaj de ne-neŭtralaj organizaĵoj

E-REVUO

# Eta, tamen giganta

En apuda artikolo de tiu ĉi numero la poligrafo Bernard Golden rezonadas pri la demando, ĉu ni havas tro multajn aŭ tro malmultajn gazetojn, fak-revuojn kaj lokajn bultenojn – kaj pledas por laŭeble multaj. Sed kio estas pri la kvalito?
Ho jes, se ĉiuj lokaj bultenoj havus la altan nivelon de tiu eta kaj tamen inter ili giganta jubileulo: LA ETA GAZETO (LEG). La organo de Triesta Esperanto-Societo en julio 1997 aperis la 100an fojon, kaj neniel perdis kvaliton, freŝecon, bonan etoson, altan lingvan nivelon, bonan aspekton, informriĉecon – koncize: la plej bona loka bulteno (ĉu nur bulteno?), kiun ni konas.

**Penoj kaj ĝojoj**

Aldo Viotto en la jubilea numero iom priskribas la penojn kaj ĝojojn, kiujn alportas ĉiumonate eldonado de LEG al la esperantistoj en Triesto. Interalie li skribas: „Kaj ne laste … la malstreĉiga ĝojo kiam la gazeto estas ekspedita…“ Nu, estu certaj, karaj triestanoj, ke ankaŭ ni legantoj ĉiam sentas ĝojon, kiam alvenas la ekspedita LEG.
Cetere, ankaŭ la aldonata kvarpaĝa bulteno de l' junularo FULMOTONDRO povis festi jam sian 20an numeron.
Korajn gratulojn do al la granda eta gazeto kaj ĉiuj triestaj esperantistoj!
sm




*Frontpaĝo de la jubilea numero*

kiel *La Verda Proleto* kaj *Internacisto*. Krom ili estas ankaŭ fakaj revuoj kiel *Medicina Internacia Revuo* kaj *Esperantista Vegetarano* kun internacia sed limigita legantaro. Aperas ankaŭ aro de „malgrandaj", ne bone konataj revuoj kaj gazetoj kiel *La Eta Gazeto* (Trieste) kaj *Debrecena Bulteno* (Debreceno, Hungario), kiuj kontrastas kun *Esperanto, Heroldo de Esperanto, Monato, Kontakto* k. s., kies abonantaro estas pli multenombra kaj pli internacia.
Granda tragedio povas trafi aŭtoron, kiam, anstataŭ plimultiĝo okazas ŝrumpo en la periodaĵ-merkato en Esperantujo. Ĝuste tiun situacion mi alfrontis en la lastaj jaroj, kiam unu post alia ĉesis aperi ekzemple *Survoje* (SU), *La Espero el Koreio, Fenomeno* (NL), *Spektro* (RUS) k. m. a.; nun ŝajnas, ke sekvos ankaŭ *Internacia Ĵurnalisto*.

**Strategio kontraŭ ŝimado de verkoj en tirkestoj**

Kompreneble, la valoro de verko ne dependas de la speco de periodaĵo, en kiu ĝi aperas. Pro tute praktikaj kialoj – limigo de paĝnombro kaj relativa malofteco de apero – Esperantaj revuoj ne povas publikigi ĉiun interesan kontribuaĵon. Restas, do, multaj artikoloj kaj beletraĵoj, kiujn aŭtoroj devas kolporti de unu redakcio al alia. Mi jam spertis, ke vere ne estas sufiĉe da periodaĵoj, al kiuj mi povas proponi materialon. Se oni rezignas pri tiu situacio, la rezulto estos, ke pluraj verkoj ripozos en tirkestoj, kie ili atendos necertan publikigon.
Tamen, ĉar mi rezonas, ke pli bona estas publikigo de verkoj – ie ajn – ol ilia ŝimado en tirkestoj, mi proponas ilin al malgrandaj, malpli bone konataj revuoj kaj gazetoj, kaj la redaktoroj volonte akceptas tiujn kontribuaĵojn. Tiel mi povas senti, ke mi helpas pliriĉigi la enhavon de la koncernaj periodaĵoj.

**Manko de bibliografia referencado**

Grava problemo prezentiĝas por esploristoj sur la tereno de Esperanto-studoj: kiel ili eksciu pri tiuj verkoj kaŝitaj en ne vaste konataj revuoj aŭ gazetoj de lokaj organizaĵoj, por ke ili havu eblon mendi ekzempleron de la koncerna periodaĵo aŭ fotokopion de la artikolo? Evidenta manko estas regule aperantaj bibliografiaj informoj, kiuj povas faciligi la taskon de legantoj serĉantaj verkojn laŭ specifaj temoj. En *Heroldo de Esperanto* aperas de tempo al tempo rubriko titolita „Bibliografiaj Notoj", enhavanta du specojn de donitaĵoj: (1) interesaj artikoloj en la internacia lingvo (fakaj artikoloj originale verkitaj en Esperanto), kaj (2) interesaj artikoloj pri Esperanto. Ĉi-kaze la redakcio de *Heroldo* prijuĝas la verkojn por decidi, ĝis kiu grado ili estas signifoplenaj aŭ „interesaj", sed ĉiuokaze la listigo neniel estas kompleta.
La plej utila speco de konsultlibro enhavus represaĵojn de la plej gravaj artikoloj publikigitaj ĉiujare en ĉiuj ekzistantaj Esperanto-periodaĵoj. Ne estus necese refoje komposti la materialon; per fotokopiado de la originaloj kaj aranĝado laŭ temoj, la artikol-kolektaĵo povus esti rapide kunmetita.
Ankoraŭ unu fonto de kontribuaĵoj estas prelegoj prezentitaj ĉe kongresoj, konferencoj, seminarioj kaj similaj aranĝaĵoj. Multaj el ili estas publikigendaj, do la jara kompilaĵo povus inkludi ankaŭ tiajn verkojn en la formo de kopioj de tajpitaj manuskriptoj. Ja ekzistas maniero akiri fotokopiojn de publikigitaj verkoj ĉe la libroservo de UEA, sed oni devas antaŭe scii la nomon de la artikolo, kaj la daton kaj periodaĵon, en kiu ĝi aperis, do kompetente redaktitaj bibliografiaj listoj estas bezonataj unue.

**Konkludo**

Evidente, mi respondas la demandon en la titolo de tiu ĉi artikolo per „jes". La esperantistaro ĉiam bezonas ne nur pli da periodaĵoj sed precipe pli da altkvalitaj revuoj kaj gazetoj, por ke homoj havu la eblon libere komuniki siajn pensojn kaj ideojn. Kaj samtempe estas bezonata rimedo por pli vaste diskonigi la legindaĵojn.
Bernard GOLDEN

## Batalo perdita

**Mi ne scias, kiom ofte en IĴ kaj aliloke mi atentigis, ke en Esperanto la ĝusta formo estas *amas-komunikiloj* kaj ke la moda usondevena *amas-medioj* estas fuŝa. Vane. Nun ŝajnas, ke efektive mi perdis la batalon, se eĉ la ĉefredaktoroj de renomaj gazetoj mem – en propraj tekstoj – uzas la falsan amikon. Tiel okazis al Jak Le Puil en *La KancerKliniko* n-ro 81 kaj al László Szilvási en *Eventoj* n-ro 110 kaj 125-126. Ĉi-lasta eĉ uzas ankaŭ la simplan formon medio.**
**Ne mirige, ke d-ro Werner Bormann, prezidanto de l' Akademio de Esperanto, demandas, ĉu estas tolereble ke oni lasu al redaktoroj decidi pri E-vortoj. Li diris tion pro la decido de l' redakcio de *Monato* adopti la formon *eŭro*.**
**Do kuraĝe antaŭen en nia malamasa medio kun niaj amasmedioj!**
**Stefan Maul**

TEKNIKO

## La „problemo" de ĉapelitaj literoj

*El letero al Israela Esperantisto*

Estimata redaktoro,
en Israela Esperantisto n-ro 124 de oktobro 1996 aperis artikolo de Aleks Kerbel, kiu laŭ indiko sur la dua paĝo tajpas (do kompostas) vian revuon, pri malnova „problemo", nome la ĉapelitaj literoj de Esperanto. Li plendas, ke tiuj literoj ne taŭgas por skribmaŝinoj kaj komputiloj, laste kaŭzas problemojn ankaŭ en Interneto, kaj postulas ke la Akademio de Esperanto kreu duan alfabeton de Esperanto, sen ĉapelitaj literoj.
Nu, vere la problemo estas malnova, sed per ripeto la kritiko de Kerbel ne fariĝas pli ĝusta. Kiom ofte jam dum multaj jaroj mi atentigis, ke per tia argumentado oni renversas la veran problemon. Nome: ne temas pri teknikaj limigoj, kiuj postulus

ŝanĝon de l' Esperanto-alfabeto, male la tekniko devus esti adaptata al la bezonoj de lingvoj. Tio ja validas ne nur por la lingvo internacia, sed por la ege multaj latinliteraj lingvoj – escepte de la angla – kiuj havas supersignitajn kaj modifitajn literojn: germana, franca, hispana, skandinavaj kaj slavaj lingvoj ktp.
La problemojn kaŭzas la usonanoj, kiuj produktas aparatojn kaj programojn kaj regas la merkaton preskaŭ tutmonde. Ili simple ignoras aliajn popolojn kaj aliajn lingvojn, kvazaŭ en la mondo ekzistus nur la angla (usona). Aliflanke ĝuste komputikistoj ja fanfaronas pri la ege kolosa potenco de komputiloj – kial do ili ne konstruas aparatojn kaj programojn, kiuj solvas la problemojn de aliaj lingvoj? Ĉu nur pro ignoro aŭ eble por komplete venkigi la usonan lingvon kiel solan taŭgan por la tuta homaro?
Neniam miaj skribmaŝinoj eŭropaj, kiujn mi posedis dum mia vivo, kaŭzis problemojn al mi, nek por germanaj nek por Esperanto-tekstoj, ĉar per ili facile mi povis tajpi ĉapel-literojn. Eĉ la skribmasino de usona kompanio IBM, vendata en Eŭropo, kiu nun estas je mia dispono, disponigas germanajn umlaŭtojn kaj aliajn supersignojn, ankaŭ por Esperanto – se ne, IBM ne povus vendi siajn maŝinojn en Eŭropo. Sendube, la problemo ĉe komputiloj estas pli komplika pro la multaj nekongruaj tekstprogramoj – sed tiu ĉi problemo, mi ripetas, same trafas aliajn lingvojn, ne nur Esperanton, en internacia trafiko. La programoj, kiujn mi uzas en mia ATARI-komputilo, por Esperanto havas inteligentajn solvojn, sed ATARI ne estas IBM-kongrua. Do denove, la problemo ne troviĝas en Esperanto sed ĉe la tekniko.
Kaj nun la fama Interneto ripetas la saman arogantecon usonan, akceptante nur anglalingvajn literojn. Kaj denove tio trafas ĉiujn aliajn lingvojn kun supersignoj. Esperantistoj uzantaj Interneton, cetere, provizore solvis la problemon per aldono de litero x post literoj, kiuj devas havi ĉapelon. Jen do kvazaŭ la dua alfabeto postulata de Aleks Kerbel.
Resume: ni fine ĉesu lamenti pri onidiraj malavantaĝoj de Esperanto pro ĉapel-literoj! Nenion ni gajnus per forigo de tiu apartaĵo, male Esperanto perdus unu grandan avantaĝon de sia ortografio. Kaj ni ĉesu renversi la problemon: pri ĝi ne kulpas aliaj lingvoj, sed arogantaj usonanoj!
Stefan Maul

---

## Konkurenco kreskas

**Skandinavoj kaj japanoj tradicie estas la plej fervoraj legantoj de ĵurnaloj, sudeŭropanoj legas konsiderinde malpli multe. Sed ĝenerale la statistiko konstatas malkreskon de legemo; televido kaj aliaj novaj elektronikaj komunikiloj estas forta konkurenco de gazetoj tutmonde.**
**Fonto: Monda Asocio de Gazetaro**

